4-a JARO AŬGUSTO-SEPTEMBRO 1912. 10-11a NUMERO (46-47)

# BELGA ESPERANTISTO



MONATA REVUO



*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

**Redakcio :**
OSCAR VAN SCHOOR
20, VONDELSTRAAT
(20, rue Vondel)
ANTVERPENO

**Administracio :**
FRANS SCHOOFS
45, KLEINE BEERSTRAAT
(45, rue de la Petite Ourse)
ANTVERPENO

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

# La Jubileo de Esperanto

Dum oni festis tiun ĉi jaron en Krakovo kaj Budapest'o la 25-jaran datrevenon de la apero de la unua broŝuro de D-ro Zamenhof, per kongresoj kiujn neniu el nia Redakcio povis — bedaŭrindege — ĉeesti, ni publikigas ĉi sube kliŝaĵojn de la du unuaj broŝuroj de D-ro Zamenhof kaj de la unua numero de *La Esperantisto,* la unua ĵurnalo en nia lingvo aperinta Ankaŭ ni kopiis el *Pola Esperantisto* du poeziaĵojn de Grabowski, verkitajn de li por la Jubilea kongreso. La novaĵoj pri la sukceso de la kongreso, la nombro de partoprenantoj, la kunsidoj kaj la decidoj ĝis nun ne alvenis. Ni esperu ke ili estu ĝojigaj kaj ni raportos pri ili en la venonta numero.

---

## Jubilea Kantato dediĉita al D-ro Zamenhof.

Feliĉa la semanto estas,
Kiu printempe semis grenon,
Kaj en aŭtuno ĝoje festas
De bonrikolto la solenon.

Feliĉa, kiu en la koro
Pri granda verko flame revis,
Kaj en la ĉarma revo-floro
Maturan frukton elricevis.

Arbeto, kiun Majstro kara,
Vi plantis ĉe Vistul'-rivero
Elkreskis ĝis lazuro klara,
Etendas branĉojn ĉirkaŭ tero.

Sub ĝi kolektis terofilojn
La jubile' de nova sento
Per kiu frate ligos milojn
Neŭtrala lingva fundamento.

Krakovaj muroj ĝojresonas,
Dum lernantaro multnacia
Dankeme sian Majstron kronas
Per la verdaĵo laŭrfolia.

En niaj koroj, granda homo,
Stariĝas viaj monumentoj ;
La gloron de l' benata nomo
Ripetos ĉiuj la jarcentoj !

# La reveno de l' filo.

(ALEGORIO)

Post foresto multejara
Venas filo mia kara ;
El migrado ĉiulanda
Venas filo mia, granda !

En kabano mankis pano.
Do elmigris li, infano ;
Nun revenas beljunulo
Al hejmlando, al Vistulo.

Kiel volus mi, patrino,
Premi lin al mia sino ;
Doni volus mi festenon
Por saluti la revenon.

Ve ! ne mastras mi kabanon,
Nek liberan havas manon ;
Mi, en mia propra domo,
Estas kvazaŭ fremda homo

Ĉar, al vi, fratin' pli aĝa,
Post kamplimo hejmvilaĝa.
Brilas, laŭ destino dia
Stel' alia, pli radia...

Do akceptu lin, fratino,
Per muziko kaj per vino !
Li ne vidu ĉe l' festeno,
Kiel premas min ĉagreno.

Antoni Grabowski

Dr. ESPERANTO.
JĘZYK
MIĘDZYNARODOWY.
PRZEDMOWA
i
PODRĘCZNIK KOMPLETNY
(por Poloj)
Aby język stał się powszechnym, nie wystarcza nazwać go takim.
Cena kop. 15.
WARSZAWA.
W Druk. i Lit. Ch. Keltera, ul. Nowolipie № 11.
1887.

Д-ръ ЭСПЕРАНТО.
МЕЖДУНАРОДНЫЙ
ЯЗЫКЪ.
ПРЕДИСЛОВIЕ
и
ПОЛНЫЙ УЧЕБНИКЪ.
(por Rusoj)
Чтобы языкъ былъ всемiрнымъ, не достаточно назвать его таковымъ.
Цѣна 15 копѣекъ
ВАРШАВА.
Типо-Литографiя Х. Кельтера, ул. Новолипье № 11.
1887.

La du unuaj broŝuroj de D-ro Zamen' of.

# El la mondo de tiuj kiuj ne parolas

## LA ROZUJO

de Emil Gârleanu.

Ĉe vojrando floris ankaŭ la rozujo. Kaj estis miraklo, ĉar la floro de la rozujo estil tiel delikata, tiel blanka, kaj ŝajne ĝi lumigis tiun printempan matenon. Kaj ĝia trunketo estis brila, ruĝa, kiel la koralo, ĝiaj folioj — verdaj kiel la smeraldo. Kaj la odoro de la floro disvastiĝis tuj sur la tutan vaston de l'kampo; la papilioj falis dormigitaj, la aliaj floroj kliniĝis antaŭ sia vera mastro, dum la birdoj venis el grandaj malproksimaĵoj, allogitaj de la rava odoro, por vidi ankaŭ ili la magian floron, kiu disvolvis sian belecon por la unua fojo sur la tero. Kaj ŝajne ankaŭ Dio bedaŭris nun, ke Li donis al unu floro tiajn mirindajn ecojn, kiujn Li ne disdonis al la floroj eĉ en la paradizo. — Tion ĉi diris mallaŭte alaŭdo, kiu, je sunleviĝo, alportis ĉiam al Dio po unu semo de ĉiu floro, kiu kreskis sur la tero, por ke Li konservu ilin, por replantado.

Je tagmezo la rozujo kovriĝis per floroj. La preterirantoj pasis kaj restis loke, metis la manojn sur la okulojn, malfermis la naztruojn por inspiri la aromon ne sentitan ĝis tiam, poste, kun avidaj rigardoj, deŝiris po unu floro; kaj se ili havis ion en la mano, ĝin forĵetis por teni la floron plibone. En ĝia loko ekaperis tuj alia burĝono, kaj momente disvolviĝis. Kaj aliaj preterirantoj trapasis kaj ĉiu deŝiris po unu floro.

Post kelkaj tagoj la rozujo malgajiĝis: ĝi floradis kaj la homoj ĝin nudigis. « Jen », diris al si la rozujo, « la dornarbetaĵo apud mi kiel alta estas, kiel bela kaj neniu ĝin tuŝas; kaj min senigas ĉiuj je ĉiaj miaj ornamaĵoj ».

Kardelo, kiu ĵus eksidis sur branĉo, klarigis al ĝi: « Kiel povus iu tuŝi la dornarbetaĵon kiam ĝi estas tute vestita en dornoj »! Tiam la rozujo rigardis kaj vidis ke vere, la dornarbetaĵo havis dornojn.

Kaj ĝi ne plu sanceliĝis: ĝi tuj ekpreĝis al Dio kovri ankaŭ ĝin per dornoj, por ke ĝi defendu siajn florojn. « Jen », diris al si la Ĉioreganto, « estis destinite ke sur la tero ne restu tio, kio nur en la Paradizo devus resti ». Kaj, volonte. tuj faris signon kaj la brilanta trunketo kovriĝis per dornoj. Sed la trapasantoj ankaŭ haltadis, kaj ĉiu rapidis avide, al la mirinda floro. La diferenco konsistis nur el tio, ke ĉiu lasis po guteto da sango sur la pinto de iu dorno. Kaj el la dorno la sango penetris, iom post iom, en la trunketon, supreniris ĝis la burĝonoj kaj unu matenon ia floro de l'rozujo disvolviĝis, ruĝa, ruĝega, kiel la sango. La dornarbetaĵo restis malgaja apude. Kaj, de kelka tempo, en ĝi vekiĝis ankaŭ envio ĉar preskaŭ neniu ĝin atentis. « Jen kiel kliniĝas ĉiuj al la rozujo,

kaj al mi neniu ». Kaj preĝis al Dio, ke Li ŝanĝu ankaŭ al ĝi la koloron, ruĝigu kaj faru ĝin pli rimarkebla kiel tiun de l' rozujo. Tiam Dio diris al si mem : « Eterne oni prenos sur la tero, ion anstataŭ alion ; ĉar nur mi povas scii, kion mi antaŭdestinis unufoje, ke ĝi tiel restados ; kiel ajn ŝanĝiĝus la vizaĝo, la sorto restos la sama ! »

Faris Dio signon, kaj la floro de l' dornarbetajo ruĝiĝis kiel la fajro.

Kaj trapasis ĉiam la preterirantoj, kaj deŝiradis ĉiam la florojn de l' rozujo kaj tute ne atentis la dornarbetaĵon.

*El rumana lingvo trad.*

Em. J. Nicolau.

---

# BELGA KRONIKO

*Ni insiste petas ĉiujn grupojn kaj ankaŭ la dısajn samideanojn, ke ili sendu, kiel eble plej akurate, informojn pri sia societo aŭ ĉiuspecajn sciigojn pri Esperanto, plej malfrue la 25an de ĉiu monato, al « Belga Esperantisto », 20, Vondelstraat (rue Vondel), Antwerpen (Anvers). Tre danke nia redakcio ankaŭ ricevos la ĵurnalojn, enhavantajn artikolojn pri nia movado.*

**St-MARIABURG.** — Antaŭ nelonge (la 11an de Julio) okaze de la foriro en Amerikan landon de la samideanino F-ino Rudolpha Rigelsen tre gaja vespermanĝo kunigis la grupon « La Verda Flago » en la salono grandega de la hotelo « Prince Albert » ĉe nia samideano Frans Borremans. — Dudeko da anoj ambaŭseksaj portantaj fiere la verdan stelon, partoprenis en ĝi.

La kunvenejo havis tre agrablan aspekton. Grandaj florpotoj, kune kun multaj pli malgrandaj bukedoj afable donacitaj de la kafejestro ornamis la salonon kaj tablon.

La festmanĝo estis plej bone prizorgita, kaj entuziasmaj tostoj ĉefe de la Prezidantino S-ino Thiels, farita je la honoro de la forveturonta fraŭlino, ne mankis. Post la parolado de la Prezidantino, en kiu parolado estis karakterizata la bona agado kaj fervora kunlaborado de F-ino Rigelsen, aŭdiĝis la gajaj kantoj de la diversaj gemembroj. Sin distingis la neiacigebla S-ino Thiels, la afabla F-ino Van Kraey, la amindaj fr-oj Rigelsen kaj la sindonaj gesamideanoj Van Wesenbeeck, Van Langendonck, kaj fine S-ro Rutten.

Post la festo venis la danco kiu daŭris kaj daŭradis ĝis la malfruaj horoj. Ĉiuj geanoj konservos la plej agrablan rememoron pri tiu festa kunveno. Tion ankaŭ faros Joĉjo.

**CAPRIJKE.** — Ke la Meetjeslandaj esperantistoj tute ne dormas, pri tio pruvis la sinjora sekcio de la grupo : « Ĉiam Antaŭen » el Caprijke Dudek sinjoroj de tiu agema grupo faris viziton al sia instruisto sinjoro Aug. Van Acker el Lembeke. La sindonema kaj nelacigebla prezidanto S-ro Dervaux interpretis la bondezirojn de la gegrupanoj. Sinjoro Van Acker per malmultaj vortoj deziris bonvenon al la vizitantoj kaj dankis ilin pro la honoro farita al li. Poste la grupanoj trairis grupe la vilaĝon kantante esperantajn kantojn en la trinkejoj. Je la 9a, vespermanĝo kunigis la grupanojn. Post kelkaj vortoj de sinjoro Dervaux, S-ro Van Acker paroladis Esperante kaj montris la mirindan facilecon kaj utilecon de Esperanto. Li finis sian paroladon dankante la grupanojn kaj ĉefe sinjoron

Dervaux, la lertan esperantistan propagandiston, al kiu Esperanto ŝuldas sian brilan staton en la Meetjeslando. Je la 10a la grupanoj disiĝis de sia profesoro S-ro Van Acker, kaj gaje kantante reiris hejmen. Bona propagando por la Meetjeslanda esperantista movado.

**CHARLEROI.** — La poŝtestro de la Centra oficejo de nia urbo, konsiderinte ke kelkaj el liaj oficistoj praktikas la Esperantan lingvon, permesis al la Karloreĝa Grupo fiksi, en la loko rizervita al la publiko, emajlumitan, artiste faritan plakon kun la esperantista stelo kaj la vortoj : **Esperanto parolata.** Plie, diversspecaj komercistoj, kiuj uzas la internacian lingvon, intencas ornamigi siajn fenestregojn per simila surskribajo. Ni opinias ke samspecaj faktoj estas citindaj kaj imitindaj ; ĉar estas tre efikaj propagandiloj, pro tiu ĉi kaŭzo ke ĉiutage centoj da personoj konstatas ke Esperanto vivas kaj prosperas.

La 11an de Julio, S-ro Wagner faris ĉe la geinstruistaro de nia regiono sian lastan lecionon pri Esperanto. Kiam li estis dirinta kelkajn adiaŭajn vortojn por kuraĝigi la novajn samideanojn kaj montri al ili la vojon sekvindan por rapide progresi, unu el la lernantoj. S-ro Henraut, leviĝis kaj faris, je l'nomo de siaj gekolegoj, bone pripensitan, korekte diritan, kvankam tute ne antaŭpretiĝitan paroladeton Li dankis, multe dankis kaj... kio estas pli grava, li promesis kore dediĉi sin, kune kun siaj amikoj, al la Esperantista instruado kaj propagando. Seriozajn kaj persistajn varbitojn kaj kunlaborantojn ni esperebIe akiris per tiu unua kurso, kiu rekomencos post la libertempaj monatoj.

**ANTVERPENO, BRUSELO, CHARLEROI.** — Dimanĉon, la 14an de julio pli ol 50 Antverpenaj samideanoj forlasis la sudan stacidomon por partopreni en la ekskurso al la ruinoj de l'Abatejo de Villers-la-Ville, organizita de la Esperantista Grupo de Charleroi. En Bruselo, dudeko da tieaj amikoj pligrandigis la karavanon, kiu daŭrigis sian vojon ĝis Court-St. Etienne, kie, laŭ la aranĝo de la programo, ilin estos atendantaj la ekskursantoj de Charleroi, kun kiuj ili kune faros belan promenadon tra la arbaroj ĝis Villers-la-Ville. Sed en Court-St. Etienne ni nur renkontis 5 samideanojn el Charleroi, la aliaj estante restintaj en Villers-la-Ville, la timuloj ! Ni tamen ne povas plendi pri la konstanteco, kun kiu nin akompanis nia invitito : la suno. Dum la tuta daŭro de la promenado (kaj ĉu ĝi daŭris longe ?) nia kamarado ne ĉesis montri sian plej brilan vizaĝon, tiel esprimante sian plej ardan simpation al la samideanoj kaj speciale al la samideaninoj, kiuj, ne dubu pri tio, tre ŝatis tiun amikan sentesprimon. Kiam la Antverpenanoj kaj Bruselanoj en Villers alvenis, la suno estis sukcesinta mortigi en ĉies kapo la sencon pri organizo, ĉar ne plu estis videbla la karavano, kiu disiĝis en malgrandaj grupoj, kiujn oni povis vidi ripozantaj en ombroriĉa arbaro, vizitantaj sen tro da intereso la belajn historiajn ruinojn de l'abatejo aŭ trinkantaj pli malpli bonan glason da akvobiero (ho ! mia ventro kaj monujo !). Resume, bela tago, belega ekskurso sed .... kia forno ! Malgraŭ ĉio, ĉiuj partoprenintaj reeniris la varmajn kaj varmigajn vagonarojn, kontentaj pro la revido de la alilokaj samideanoj.

Ili eĉ reciproke promesis baldaŭan aranĝon de nova ekskurso. Ĉu la organizontoj ree invitos la sunon ?

Sus.

**GENTO.** La Gent'a Grupo donacis al Fraŭlino Johanino Flourens, (Roksano) okaze de ŝia ĉeesto al la IVa Belga kongreso, adreskoverton. La anoj de la G. G. enskribis sian nomon kaj adreson en tiun ĉi koverton.

Fraŭlino Flourens deziras havi plej multe kiel eble da adresoj de Belgaj gesamideanoj. Pro tio, la Genta Grupo sendis la foliojn al la Antverpena Centra sekretariejo, kiu forsendis ilin al la Boom'a grupo, laŭ la ordo de la listo kiu akompanas la foliojn.

La grupoj estas afable petataj kolekti la nomojn de ĉiuj gesamideanoj, eĉ disaj, kaj sendi la koverton, plej baldaŭ kiel eble, al la sekvanta grupo.

La grupo de Verviers bonvolos ĝin resendi al Gento, de kie oni havigos la adresojn al Fraŭlino « Roksano ».

— De post la Genta kongreso, la Esperanta movado fariĝas pli kaj pli grava en nia urbo. De ĉiu flanko oni sin interesas pri Esperanto.

Kvankam estas somero, la Gentanoj daŭras agemi labori. Jam du novaj kursoj estis organizataj, ĉeestataj de pli ol 50 gelernantoj.

Privata societo ĵus petis ke nia grupo sendu profesoron por instrui la Esperantan lingvon al siaj gesocietanoj. La kurso komencis la 18an de Julio kaj ĉirkaŭ 25 gelernantoj ĉeestis la unuan lecionon.

Pro sia ĉiam pli grandiĝanta nombro da geanoj, nia grupo devis elekti novan sidejon. Ĝi sukcesis haviĝi bonegan kunvenejon en la « *Salle des Notaires* » Winkelstraat, en la Centra kvartalo de la urbo. La venontan vintron, Esperantaj kursoj tie okazos ĉiutage ! H. P.

# EKSTERLANDA KRONIKO

**Anglujo.** — La ĉefpropagando fariĝis en Aŭg. per ekskursoj, kaj raportoj en la gazetoj pri tio. Tiel okazis en la grupoj en Bolton, kun 5 najbaraj grupoj. Ankaŭ la grupoj de Burnley, Kettering, Northampton, Saltburn, k. c.

— Nova Katolika Esp. grupo stariĝis en Newcastle-on-Tyne. — En Junio la Konferenco de la Londona Federacio okazis en Harrow ; prezidanto de l'Federacio estas S-ro Cox, kaj la koncerton prezidis Kol. Pollen. Ankaŭ la Lancashire kaj Yorkshire Federacio, kaj tiu de Yorkshire festis sian konferencon.

Bona propagando okazis en Anglujo kaj en Hungarlando per vojaĝo farita de D-ro. Andrea Vegh, sekretario de l'Hungara ŝtatfervojaro en Arad (apud Buda-Pesth). Tiu ĉi sentis la bezonon viziti Anglujon (hejmo de l'fervoja konstruarto) por informiĝi pri tiu temo ; lia sola malfacileco estis la nescio de l'Angla lingvo. Sciiĝinte pri Esperanto, li ĝin lernis en unu kaj duonjaron kaj poste forveturis en Germanujon, Belgujon kaj tre grandan parton de Anglujo. Li antaŭsciigis la Esperantistojn pri la vizitotaj urboj, kaj dank'al ilia afableco, lia vojaĝo farigis plej granda sukceso. Li havis la plezuron viziti en Sheffield la konatan firmon de Mappin kaj Webb kaj li vidis la faradon de tranĉiloj ; li interŝanĝis komercajn ideojn kun ili kaj tre ŝatis la viziton. Li estas plej kontenta pri la tuta vojaĝo, kaj certigas ke en lia lando ĝi kaŭzis grandan miron kaj entuziasmon : du, tri el la plej gravaj gazetoj politikaj laŭdis la movadon kaj la utilon de Esperanto : plie pli ol 115 nunjaraj ordinaraj gazetoj priparolis la vojaĝon. Li invitas la Anglojn same viziti sian landon

AD. ŜEFER.

**Francujo.** — La 26/27an de majo okazis la kongreso de la Burgonja federacio en « Tournus ».

La 23an de Junio en « St Omer » kongreso de la Norda federacio. — La 16an de junio en Louviers kongreso de la normanda federacio. — Tiuj kongresoj tre bele sukcesis. Ili ricevis ĉiuj afablan helpon de oficialuloj kaj de la gazetaroj. Bonajn rezultatojn certe ili donos, ĉar ili bone semis.

— « L'Esperanto à l'école », Esperantista asocio de geprofesoroj ŝatinde progresas. En 28 departementoj ekzistas nun sekcionoj kiuj ageme klopodas por konigi nian aferon ĉe la universitataj medioj kaj ankaŭ ĉe la lernantoj.

— L' « Esfio », esperantista franca socialista asocio ankaŭ ageme laboras. La celo de l'Esfio estas enpuŝi la esperanton movadon en la socialistaj

organizajoj. Ĝi petis de « oka » kunvenejon kaj intencas proponi en siaj kunsidoj.

1e la kreadon en ĉiu lando de samcela Asocio. — 2e la elektadon de internacia federacia oficejo kun se eble speciala organo.

— La ĉefa nuna okazintajo estas la organizado de l'konkurso Michelin. Mi jam diris ke la ĉie konata industriisto dediĉis sumon da 20 000 frankoj al premioj disdonataj al junaj Francaj esperantistoj. La ĉiutaga jurnalo « Le Petit Parisien » kaj la semajna gazeto « Nos Loisirs » akceptis partopreni la organizadon. Jam aperis kelkaj artikoloj pri la afero. La plena regularo estos publikigata en Aŭgusto. J. A.

**Germanujo.** — Kiel en la tuta mondo, tiel ankaŭ en nia lando la Esperantistaro ĝoje kaj solene festis la 25-jaran jubileon de Esperanto. Ne estas eble al mi, citi ĉi tie ĉiujn jubileajn festojn ; sufiĉu, ke mi pri du el ili speciale atentigu. Mi celas tiujn de *Berlin* kaj *Dresden*. La unua okazis la 1an de Junio vespere en la urba domo. La festoratoroj estis S-roj Prof. D-ro *Wilhelm Foerster* kaj pastro *Hans Franke*, du favoraj Esperantemuloj, kies belegaj paroladoj estis kore akceptataj de la 400 aŭskultantoj. La sekvantan tagon la Berlina Gruparo aranĝis posstagmeze ekskurson al Grünewald kaj vespere feston kun diversaj prezentadoj kaj danco. — En Dresden la oficiala festakto okazis la 2an de Junio antaŭ tagmeze en « *Künstlerhaus* » (artista domo). Partoprenis multaj eminentaj personoj, i. a. reprezentantoj de la ĉefa stabo, de la artileria depoto, de la registaro kaj de urbaj oficistaroj. S-ro D-ro *Arnhold* salutis la ĉeestantaron, S-ino *Elb* deklamis memverkitan prologon kaj la ĉefan paroladon faris S-ro pastro *Lösche* el Wurzen. Vespere estis aranĝita amuza festo kun balo, prezentadoj kaj multaj surprizajoj. — Similaj aŭ pli- malpli grandaj estis ankaŭ la jubileaj festoj en multaj aliaj lokoj.

Ne atenditan sukceson havis la kunveno de la *Rejnlanda ligo*, kiu la 14an de Julio okazis en *Essen* apud Ruhr Dank'al la fervora laboro de la grupo de Essen, precipe de ĝia prezidanto, S-ro *F. Pillath*, la kunveno estis eksterordinare bona. Ĉeestis ne nur la delegitoj de ĉiuj Rejnlandaj grupoj, sed ankaŭ delegitoj de ĉiuj grupoj de Westfalio. Laŭ proponoj de la laste nomitaj delegitoj oni vastigis la ligon al « Rejnlanda-Westfalia-Esperanto-Ligo » kun ĉiujare elektota gvidloko ; la nunjara gvidloko estas Essen. Entute ĉeestis proksimume 200 personoj al kiuj ĉiuj la « Verkehrsverein (Trafika Unuiĝo) de Essen, kiu tre favoras Esperanton, donacis belegan gvidlibron Essen kun Esperantaj resumo kaj dediĉo. Reprezentanto de ĉiuj ĉiutagaj gazetoj de Essen partoprenis la kunvenon kaj poste pli-malpli longe, sed nur favore, raportis pri ĝi en siaj organoj.

Fine ankoraŭ grava afero, kiu certe ne restos sen bona influo je la Esperanta movado. La fame konata eldonejo Möller & Borel el Berlin kuniĝis la 1an de Aŭgusto nunjara kun la eldonejo Friedrich Ader el Dresden en la komuna entrepreno *Ader-Borel* G. m. b. H. (Societo kun limigita garantidevo), sidonta en *Dresden* A., Struvestr. 40. Al la nova firmo ankaŭ transiros la gazeto « La Esperantisto », kiu dum tiu ĉi jaro estas la oficiala organo de Germana Esperanto-Asocio. — Pri pluaj detaloj en tiu ĉi afero mi parolos en mia sekvonta raporto, same pri la 7a Germana Kongreso, kiu komenciĝis la 27an de Aŭgusto. ARGUS.

**Rumanujo.** — Dimanĉo la 30a de Junio, S-ro D. E. Parrish, kiu anoncis sian viziton antaŭ du tagoj el Odeso, alvenis en Bukareŝto. Kvankam nenio estis aranĝita, post klopodadoj tie kaj tien, oni sukcesis aranĝi, la 4an de Julio vespere, la paroladon kun la lumbildoj en la salono de Kinematografo-Venus. Ĉeestis proksimume 500 personoj kiuj tre atente aŭskultis la belan paroladon en Esperanto kaj tradukitan rumane.

Dimanĉo la 7an de Julio la bulgaraj samideanoj, el Rusĉuk'o organizis ekskurson al Bukureŝt'o.

Alveninte grandnombre (prokimume 200 personoj), inter kiuj multaj ne esperantistoj, ĉe la stacidomo ili estis akceptataj de rumanaj samideanoj kaj

S-ro Parrish. De la stacidomo ĉiuj pilgrimis al la tombejo « Belu » kie la bulgaraj samideanoj metis sur la tombon de la neforgesebla D-ro Robin, kronon el vivantaj floroj, kiun ili alportis el Bulgarujo. Posttagmeze estis aranĝita por la dua fojo la konferenco kun lumbildoj de S-ro Parrish.

Posttagmeze kelkaj bulgaraj esperantistoj kune kun S ro Parrish ĉeestis la finjaran ekzamenfeston ĉe blindulejo « Vatra Luminoasa kie oni deklamis ankaŭ Esperante kaj S-ro Parrish iom parolis pri Esperanto, gratulante la deklamantinojn (du junaj blindulinoj).

Vespere ĉiuj forlasis la urbon reveturante Rusĉukon, kie nia Kalifornia samideano estis gastigata.

Espereble tio efikos iom por la propagando en Rumanujo.

KRONIKISTO.

**Venezuelo.** — La Esperanta movado ĉe ni progresas malrapide sed « ni semas kaj semas konstante » ; mi kondukas nun kvar esperantajn kursojn en ĉi tiu urbeto ; unu ĉe nia grupo « Amatoroj de Esperanto », du ĉe la nacia Kolegio por Knabinoj, kie mi estas matematika profesoro, kaj alia ĉe la nacia unuagrada lernejo Nº 22, por knaboj. La hispana gazeto « El Sol » estas tre favora al nia movado, ĝi publikigas regule artikolojn pri kaj en Esperanto. Ni esperas baldaŭ fari per ĝi aktivan propagandon por veki la dormemulojn en nia lando. Ricevu, karaj gesamideanoj, miajn flamajn gratulojn kaj tiujn de niajn kungrupanoj hodiaŭ, kiu estas la dudekkvinjara datreveno de la apero de la unua broŝuro pri Esperanto. Ni sendas niajn gratulojn al nia kara Majstro Zamenhof, kies gloro estas ŝuldita « ne al glavo sangon soifanta » sed nur al lia grava elpensaĵo, per kiu « la popoloj faros en konsento unu grandan rondon familian ».

2an de junio 1912. ELEUTERIO ROSARIO CAMPO.

**Italujo.** — Lasttempe la Itala skeptikeco estis venkata per la energia laboro de la esperantistaj propagandistoj kaj nun la propagando estas sur bona vojo. En Genova, kie sidejon havas la centra komitato de la Itala Esperanto-Asocio, oni fondis gravan « Itala Esperanto-Kooperativo » kies ĉef celo estas propagandi Esperanton per malaltprezaj libroj ; ĝi jam eldonis 100.000 ekzemplerojn de « Verda Broŝuro » prezo sm. 0,04 enhavante kompletan gramatikon kaj vortaron ; plie ĝi eldonis 10.000 ekzemplerojn de kompleta lernolibro kun ekze coj, praktika frazaro, vortaro k. t. p. (prezo nur sm. 0.400.) Tiu kooperativo estas « laŭleĝe fondita » kaj havas sian sidejon en Genova, Salita Pollainoli 13 4 ; ĝi certe donos energian antaŭenpuŝon al la propagando ĝis nun sufiĉe malfacila.

En Genova okazis kelkaj kursoj sub la aŭspicioj de la Liguria Instituto de Esperanto sed ĉiam en la publikaj lernejoj : ĉeestis pli ol 300 lernantoj ; en la Ĝenova Esperanto Unuiĝo multaj eksterlandaj samideanoj, la urbon trairantaj, ricevis bonan akcepton kune kun bona impreso de la movada seriozeco de nia urbo. En la aliaj urboj la propagando sukcesas varbadi novajn adeptojn precipe en Sampierdarena, Rivarolo, Cornigliano, Bordighera, S Remo, Torre Pellice, Milano kaj Verona kie, de la 6a ĝis la 9a de Aŭgusto, okazis la 3a Itala Esperantista Kongreso.

Ĉie oni organizas poresperantajn paroladojn, kursojn, ekskursojn, k. t. p. kaj tiamaniere Italujo iom pretiĝas bone akcepti la partoprenontojn al la 9a kongreso. G. C.

**Skotlando.** — En Edinburgo okazis interesplena kunveno kiam la anoj de la kurso instruita de S ro Pringle ricevis atestojn pri kapableco.

Pastro S. G. Bailey, misiisto el Hindujo prezidis, kaj interesigis la aŭdantaron per rakontoj pri siaj Eŭropaj vojaĝoj, li renkontis multajn Esperantistojn en diversaj urboj.

S-roj Warden kaj Wilcon ankaŭ paroladis, kaj S-ro Page deklamis « La Vojo », je la F-ino Major Ramsay reprezentante la kursanoj donacis al S-ro Pringle belan librujon.

En Perth, antaŭ kelkaj semajnoj la tieaj Esperantistoj kunvenis por adiaŭi S-ron Brown okaze de lia foriro al Sud-Ameriko kaj kun kelkaj

esprimoj de bedaŭro pro lia foriro el Skotlando kaj esperoj por lia sukceso en alia lando, Fraŭlino Beveridge prezentis al li monujon kun kvin funtoj, donacitaj de la anoj de la Skota federacio, kaj aliaj Esperantistaj geamikoj. S-ro Brown estas entuziasmema, lerta, kaj vigla Esperantisto, kaj li faris grandan servon al Esperanto en Perth.

Kun granda bedaŭro la Skotaj Esperantistoj sciiĝis pri la morto de S-ro Casson kiun ili adiaŭis antaŭ nelonga tempo kiam li foriris Edinburgon por starigi novan hejmon en «British Columbia» Usono. Li nur atingis Winnipeg en «Kanadujo» kiam li malsaniĝis je apendicito, kaj kvankam li atingis Victoria, li tie mortis. En multaj landoj oni ploros lian morton, ĉar li uzis nian lingvon dum vojaĝoj en aliaj landoj, kaj multaj amikoj konservos feliĉan rememoron pri la ĉiam afabla kaj bonkora Skoto kiu vizitis ilin.

En Edinburgo li faris diversajn servojn al nia afero, kiel Esperanto-Konsulo, komitatano, bibliotekisto, vicprezidanto, kaj sukcesplena, instruisto. Al lia funebranta edzino, lasita sola en fremda lando, ĉiuj etendas koran simpation. M. W.

Jam finiĝis via tago de surmonda laborado.
Ĝis revido, kara frato! ni ne diros adiaŭon —
Ĝis ni ankaŭ jam atingos la eternan vivmorgaŭon!
Ĝis revido kaj la ĝojo de la rea kunvivado. —

A. B. D.

# NEKROLOGIO

La 31an de julio mortis en Brugge S-ro KARLO DE POORTERE, advokato kaj talentplena oratoro. Li estis unu el la unuaj Esperantistoj en Brugge kaj la partoprenintaj de la IIa Belga Kongreso rememoros sendube lian fajrplenan toston al la ĵurnalistaro.

Li estis simpatia, bonkora, progresema kaj sincera viro. Al la familio de nia bedaŭrata samideano ni prezentas niajn tutkorajn kondolencojn.

---

Oni sciigas al ni el Constanz (Svisujo) ke tie mortis, Vendredon 16an de Aŭgusto, Lia Moŝto Pastro J. M. SCHLEYER, la elpensinto de Volapük. La altranga kaj estimeginda viro kiu atingis sian 81an jaron estis «domprelato» de lia Papa Moŝto.

Ni konservu la memoron de tiu granda laboristo por la bela internacilingva ideo. Li ripozu en paco.

---

La 25an de Aŭgusto mortis en Antverpeno nia distingita samideanino, F-INO EUGÉNIE GUNSBURG, en sia tridektria jaro. Ŝi estis en la unuaj vicoj de la geesperantistoj dum la komenco de la movado en nia urbo kaj eĉ prenis sur sin la taskon de profesorino por la virinaj kursoj.

La Antverpena Grupo kaj B. E. prezentas al la ploranta familio siajn sincerajn kondolencojn. B. E.

# BIBLIOGRAFIO

**Mavro Ŝpicer.** Kroataj poeziaĵoj ; kun literaturhistoria enkonduko. — Ĉe l'aŭtoro en Zagreb (Kroatujo). — Prezo 0,75 Sm.

Bela broŝureto donanta rapidan skizon de la literaturhistorio de la kroata lingvo. Ĝi enhavas 33 ritme kaj verse tradukitajn poeziaĵojn elektitajn el la plej belaj de la kroata literaturo. 400jara literaturo pri kiu multnombraj samideanoj nenion scias ; tio certe valoras ke oni aĉetu kaj legu tiun libreton. Por montri la lertecon de la esperantaj versoj ni publikigas ĉi sube la tradukaĵon de la kroata himno nacia, originale verkita de Antun Mihanoviĉ (1796-1861).

BELA NIA PATROLANDO.

Bela nia ci patrujo
De herooj land' karega,
Gloroplena Kroatujo
Estu ĉiam feliĉega.

Kara estas ci kaj glora,
Kara kiel ebenaĵo,
Kara kiel kampo flora,
Kara kiel sorĉmontaĵo.

Ĉarma brusto, nokto ĉarma,
Klara frunt', ĉielo klara,
Varma suno, faro varma,
Akvo kaj okulo klara.

Grandaj homoj, grandaj montoj,
Fuĝa vino kaj mieno,
Fortaj tondroj, fortaj fontoj :
Mia jen patrujbieno.

Fluu Savo, Dravo fluu,
Nek Danubo ci laciĝu,
Kien monden fluas, bruu,
Ĉie ĉiu ajn sciiĝu :

Ni patrujon nian amas
Sunbrilante, ventmuĝante
Tombojn dum la mort' plenigas,
Dum ni vivas korbatante.

**Marcelle Fauvart-Bastoui** - Cours élementaire pour apprendre l'Esperanto sans professeur.— Paris. Hachette & C°. Prezo 1,50 fr.

Tiu nova kurso estas speciale rekomendinda al la francparolantoj kiuj deziras lerni la lingvon Esperanto, ĉar la aŭtorino atentis pri multnombraj specialaj frazkonstruaĵoj kaj dirmanieroj de la franca lingvo. Kvankam ni ne plu bezonas francajn lernolibrojn ni devas tamen konfesi ke la nova metodo estas bona kaj tute rekomendinda.

*Oficiala Gazeto, n-ro 45 (25 junio 1912).* – Jen la unua numero de la kvina jaro de nia Oficiala Gazeto. Tiu numero enhavas gravajn preparajn dokumentojn de la Komisio por ĝenerala organizaĵo, kiujn ĉiuj Esperantistoj nepre devas tralegi, por havi ĝustan opinion pri tiu tiel grava demando : raporto de la prezidanto de la Komisio pri la laboro farita, kun projekto verkita de li, unua raporto de la Subkomisio, projektoj de S-roj Rollet de l' Isle kaj von Frenckell, kaj fine listo de ĉiuj dokumentoj esploritaj de la Subkomisio. Poste venas komuniko de Sinjoro Prezidanto de la Administra Komitato de la Centra Oficejo, kiu respondas al diversaj kritikoj malprave faritaj de kelkaj gazetoj, listo de la laste oficiale jam enskribitaj grupoj por elekto de Rajtigitaj Delegitoj, kaj fine la Oka Raporto de la Internacia Unuiĝo de Esperantaj Verkistoj.

## DIVERSAJ INFORMOJ

**Al la kolektistoj de poŝtmarkoj :** Se vi deziras ricevi diverslandajn poŝtmarkojn, sendu al nia adreso dekduon da neuzitaj ilustritaj poŝtkartoj kaj ni resendos al vi interŝanĝe tridek diversajn uzitajn poŝtmarkojn. Hermanos Rosario, Sur 2, No. 37, *Porlamaro* (Ins. Margarito, Venezuelo).

# TIO DEVIS FARIĜI

En nia urbeto ne estas persono nenion scianta pri nia lingvo sed troviĝas tiaj, kiuj pensas ke lingvo Esperanto estas lingvo ne por ĉio kapabla. Ili opinias ke per Esperanto oni sin nur facile amuzas interŝanĝante poŝtkartojn ilustritajn. Tiel ili pensas, ĉar ofte vidas esperantistojn elmontri siajn korespondaĵojn konsistantaj ordinare el belaj poŝtkartoj venintaj el diversaj urboj kaj landoj. Kvazaŭ nomitaj personoj ne konjektis ke per sama lingvo oni skribas en gravaj esperantistaj revuoj, gazetoj k.c.

Nia urba libera esperantista grupeto *Amikaro Esperanta*, konsciinte priparolitaĵon, organizis 8an de Julio en la urba lernejo paroladojn flanke de S-roj PENKO STOJEV, banko-oficisto kaj VASIL BOGAKOV, instruisto, kiuj samtempe aranĝis esperantan ekspozicion de diversaj revuoj, gazetoj, poŝtkartoj, portretoj kaj aliaĵoj venintaj el diversaj landoj, kaj tiamaniere pruvis, plej videble ke la esperanta afero estas serioza afero ! En la kunveno, fariĝinta pro tiu okazo, troviĝis personoj, intence venintaj, por kontraŭdiri al parolantoj, sed nenian kontraŭdiron ili kuraĝis fari, post kiam ili aŭdis paroladojn kaj vidis ekspoziciitaĵojn.

Do, nun en nia urbo ne estas personoj malaprobantaj nian karan lingvon !

PENKO STOJEV
Trojan (Bulgarujo).

# Mia nigra pantalono

(Monologo)

*La deklamonto alvenas sur la teatron vestita per pantalono kies ambaŭ kruringoj estas tro mallongaj.*

---

Jes, jes, rigardu min ĉiuj bone... Mi havas belan aspekt-on,ĉu ne? kun pantalono kiu pli ol unu manon tro mallonga estas... Kaj kun tiu ĉi mi devas iri al edziĝofesto, ĉar hodiaŭ edziĝas mia amiko, Peĉjo Pateto, mia frato, mi povas eĉ diri, ĉar ni estis edukaditaj verdire kiel dunaskitoj. (*Komike embarasita.*) Kaj nun mi staras tie ĉi akurate kiel klaŭno el la cirko, kun mia pantalono, la sola nigra pantalono kiun mi posedis, je ĉiu kruringo plimallongigita dekdu centimetrojn.

Kiel tio okazis? Mi ĝin al vi diros.

Hieraŭ mi venis hejmen kaj mi diris al mia edzino : « Mario, vi scias ke mi morgaŭ devas esti atestanto. »

« Lasu min trankvila, » diris mia edzino, kiu pri Peĉjo Pateto havas malbonan opinion tial, kiam mi vespere malfruiĝis, mi ĉiam diras ke ĝi estas lia kulpo. Vi devas scii ke Peĉjo Pateto neniam envenas en drinkejon. Sed por kio utilas la amikoj, se vi ne povas diri al via edzino, ke estas ilia kulpo, kiam vi malfruiĝis ?

Do ŝi jam de antaŭe avertis min ke ŝi volis havi nenian rilaton kun mia amiko Peĉjo Pateto kaj lia fianĉino kaj ke ŝi ne ĉeestos la edziĝofeston.

Mi diras : « Mi ne povas tion rifuzi. Peĉjo estas al mi pli ol amiko. Sed.... he.... »

« Nu ?.... »

« Mi devas almeti mian edziĝofrakon, ĉar ili ĉiuj estos vestitaj je harmonikostumo, kaj mi sola ne povas ja aspekti alie. »

« Nu, almetu do vian edziĝofrakon. Ĝi estas ankoraŭ tiel bona, kiel nova, vi almetis ĝin nur unu fojon, la tagon kiam ni edziĝis. Ĝi estas denove laŭ la modo. »

» Jes, jes..., sed la pantalono..., la pantalono estas iomete tro longa. Ĝi pendas flugetante sur miaj piedoj. Se vi nun volus fari al mi plezuron plimallongigante ĝin duon da fingroj. »

« Lasu min trankvila, » diris mia edzino ; « mi ne okupas min je tio. »

Vidante ke nenio povas helpi, mi iris supren. Vi devas scii ke mia bopatrino enloĝas ĉe ni.

Mi iras al ŝi kun la pantalono kaj denove per afabla voĉo :

« Panjo...» (tio estas vorto, kiun mi alie neniam elparolas al ŝi) « panjo, ĉu vi volus fari al mi plezuron malgrandan ? Tiu ĉi pantalono estas du fingrojn tro longa, kaj morgaŭ matene mi devas ĝin almeti. Faru al mi la plezuron plimallongigi tiun ĉi pantalonon. »

« Tio ne estas mia laboro, » respondas la virinaĉo. « Petu tion de via edzino. »

« Ŝi ne havas tempon. »

« Se via edzino ĝin ne faras, kial do mi devus ĝin fari ? » Kaj ŝi koleriĝas. «Oni rigardas min tie ĉi kvazaŭ servistinaĉon...» La ceteron mi ne aŭdis. Mi jam longe estis malsupre.

Mi iris al la kuirejo, kie Johanino, nia servistino, sidis trikante.

« Ĉu vi volus fari al mi plezuron plimallongigi tiun ĉi pantalonon du fingrojn ? Ĝi estas iom longa kaj mi devas iri morgaŭ al edziĝofesto. »

« Se vi ĝis morgaŭ vespero povas atendi, tiam mi plimallongigos ĝin, » diris ŝi. « Nun mi ne havas tempon kaj morgaŭ matene mi devas.... »

La reston mi ne aŭdis. Mi jam longe estis supre, kolera ĉar neniu volis fari tiun riparon.

Kaj tiam mi trovis nenion alian ol mem plimallongigi mian pantalonon. Mi enpikis sep fojojn en mian fingron. Sed fine mia pantalono estis tamen plimallongigita. Mi metis ĝin sur seĝon en la salono kaj iris dormi.

Kaj ĉu vi scias kio okazis ?

Kiam mi estis jus elirinta el la kuirejo,Johanino bedaŭris ke ŝi ne helpis min. Ŝi supreniris kaj plimallongigis mian pantalonon du fingrojn.

(*Ekscitite.*) Mia edzino ankaŭ bedaŭris ke ŝi ne plimallongigis mian pantalonon. Ŝi ankaŭ detranĉis du centimetrojn kaj borderis la kruringojn.

(*Ankoraŭ pli kolere.*) Kaj mia bopatrino ankaŭ bedaŭris kaj ŝi ankaŭ deprenis du fingrojn.

Kaj kiam mi poste almetis mian pantalonon, mi vidis ke ĝi, anstataŭ du centimetrojn tro longa, dekdu tro mallonga estas.

Esperantigis

JUL. JACOBS, Contich.

---

# Historio de Esperanto

VERKO PREMIITA EN KONKURSO DE « LA SEPO » 1911

(*Fino*)

Dum la Barcelona Kongreso, laŭ loka antikva kutimo de Pireneaj regiono de Toulouse ĝis Barcelona, estis organizitaj — Floraj ludoj, poezia turniro. La nombro de premioj atingis 42 kaj inter ili: premio de la Hispana reĝo, de la reĝino, de episkopo de Urgell, de la Rektoro de Barcelona Universitato, de la ministro de aferoj internaj, de esperantistaj Societoj, gazetoj, k. c. La laŭreato de la unua konkurso, laŭ tradicia uzo,estas proklamita — Reĝo de Floraj ludoj. Juĝantoj, plej bonaj esperantaj aŭtoroj de diversaj landoj, invitataj po tri por ĉiu konkurso, tralegis ka

aljugis premiojn, tutan organizacion aranĝis majstre prof. C. Bourlet.

Post solena malfermo de la kunveno, kiun prezidis la Barcelona urbestro kaj la Prezidanto de Kataluna deputataro(8an sept.) la kovertoj kun nomoj estis malfermitaj kaj premiitaj laureatoj estis proklamitaj.

La unuan premion por la unua Konkurso pri temo « Poezio pri Amo » ricevis S-ino Marie Hankel el Dresdeno, proklamita reĝino de Floraj ludoj. Oni solene sidigis ŝin sur speciale aranĝita reĝa trono. Dua premio estis aljuĝita al Edmond Privat (Ĝenevo) ; aliaj laŭreatoj estis : Cl. Bicknell (Bordighera), V. Dufeutrel (Philippeville), G. Chavet (Parizo), O. Van Schoor (Antverpen), Leon Rosenstock (Krakov), Fino Boistel el Levallois-Perret (Esperanto kiel Simbolo de Paco kaj Amo), de Lengyel (Parizo), P. Christaller (Stuttgart) k. a. 14 konkursoj restis sen premioj,

Dum ĉiuj kongresoj la vesperoj kaj interrompaj liberaj tagoj estas dediĉitaj al esperantaj koncertoj, deklamacioj, teatraĵoj, ekskursoj. Inter ili plej grava estis la reprezentacio en la Reĝa Operdomo dum la Dresdena Kongreso (19an de aug.1908) : la fama aktoro, Emanuel Reichert, el Berlina Lessing — Teatro, kun sia trupo ; fino Hedwig Reichert, sia filino, Bruno Decarli, Kurt Stark, Oscar Fuchs, — ludis dramon de Goethe « Ifigenio en Taŭrido. » Tio estis unua reprezentacio esperanta, ludita de veraj unuarangaj artistoj ; ĝia granda sukceso estis nova pruvo de taŭgeco de E. por tiu ĉi celo, same kiel por aliaj.

Komparante ses ĝisnunajn kongresojn ni povas diri, ke ĉiuj meritis unuajn premiojn ex aequo : la Bulonja por la unua entuziasma ondo, kiu el tie, kiel el centra punkto dislarĝiĝis sur la tuta tera globo, kaj daŭras ĝis nun en la koroj de ĉiuj ĉeestintoj de tiuj belaj tagoj ; al la Ĝeneva — por ĝia soleneco kaj perfekta organizacio ; al la Dresden'a — ankaŭ por la organizacio, por ĝiaj fakaj laboroj, por la unua esperanta teatra triumfo ; al la Barcelona — por la Floraj ludoj ; kaj la Washingtonan — ni povas konsideri kiel duan malkovron de nova kontinento — nova Esperantujo !

## 2. Esperantaj Institucioj

En tiu ĉi epoko la Esperanta afero sukcesis jam krei propraĵn sendependajn kaj memstarajn instituciojn konstantajn, kiuj fariĝis centroj de la esperanta movado. La unua estis la ESPERANTA LINGVA KOMITATO, fondita, kiel ni scias, dum la dua kunsido de la Bulonja kongreso (8 an de Aŭgusto 1905).

La komitato laboris regule kaj sukcese ĝis duono de jaro 1908. Dro Boirac, invitita de Zamenhof por prezidi kaj direkti la komitatajn laborojn, kondukis ilin kun granda takto kaj talento, kun helpo de kelkaj bonvolaj helpantoj : Gabriel Chavet, Gaston Moch, Carlo Bourlet, Cart, Huet en Pariso, kaj Christaller, Schrö-

der, Zakrzewski, Bein, kiuj kunlaboris pri diversaj demandoj el aliaj landoj.

La Komitato konsistis el diversnaciaj membroj, — kondiĉo grava en ĉiu internacia afero, kaj speciale en lingva, en kiu multaj demandoj postulas atentan ekzamenadon el diversaj nacilingvaj vidpunktoj. Malgraŭ granda nombro da membroj, pri kio oni poste plendis, malgraŭ malproksimeco, iom malfaciliganta interrilatojn, la laboroj neniel suferis. Ĉiuj demandoj—lingvaj aŭ administraciaj – estis komunikitaj per cirkuleraj leteroj al ĉiuj membroj kaj deciditaj per voĉdonado de ĉiuj egalrajtigitaj Komitatanoj. Respondoj kaj raportoj al cirkuleraj demandoj de la Prezidanto alvenis regule : dum la tuta tempo nur kvin el cento da komitatanoj ŝajnis indiferentaj aŭ nelaboremaj kaj la praktiko mem montris rimedon por liberigi la institucion de senutila pezo : la Prezidanto proponis simple elstreki membrojn ne donantajn ian signon de vivo kaj la Komitato aprobis tiun necesan metodon. En la duono de la jaro 1908 la Komitato konsistis jam nur el 92 membroj. ĉar krom 5 elstrekitaj, 6 eksiĝis propavole kaj la morto rabis el iliaj rangoj 4 membrojn el plej meritaj : Dron Javal, Dron Lloyd, Midthus, Motteau. El tiuj 92 : 19 estis Francoj, 10 Britoj, 8 Germanoj, 6 Rusoj, 5 Italoj, 4 Hispanoj, 4 Poloj, 3 Svisoj, 3 Svedoj, 3 Usonanoj, po 2 Belgoj, Ĉekoj, Japanoj, Finnoj, Meksikanoj, Hungaroj kaj po I. Kanadano, Portugalo, Litovo, Greko, Ĉiliano, Holandano, Flandro, Islandiano, Dano, Irlandano, kaj Peruviano. La principo de internacieco — kiel ĉie en Esperanto — estis ankaŭ plene respektita.

Jen estas pli gravaj lingvaj demandoj, esploritaj de la Komitato dum lia trijara vivo memstara :

korekto de neĝustaj tradukoj en la Universala Vortaro ;
kolekto de novaj radikoj en naciaj-esperanta vortaroj ;
nova eldono de la Universala vortaro ;
demando pri participaj sufiksoj antaŭ verbaj finiĝoj.
raporto de C. Moch, kontraŭraporto de Ad. Zakrzewski.
pri ortografio de propraj nomoj (raportoj de G. Moch, Ad. Zakrzewski, prova vortaro de G. Moch, K. Bein,. Schroeder).

Krom tio en tiu ĉi tempo estis eldonitaj 6 verkoj de la Komitato : 1. Pri plenigo de la Universala Vortaro. 2. Pri participa sufikso antaŭ verbaj finiĝoj. 3. Vortoj ĉerpitaj el Hamleto. 4. Fundamentaj dokumentoj pri la Lingva Komitato. 5. Unua aldono al Universala Vortaro. 6. Pri transskribo de propraj nomoj.

Sed, en Aprilo 1908 (14-a Cirkulero, 13 Apr.) estis dissendita al la Komitatanoj projekto de nova organizacio ; la

plejmulto akceptis ĝin sen ŝanĝoj — kaj per tiu ĉi akto, la Komitato kvazaŭ subskribis verdikton pri sia mortigo ! (*)

Tiu ĉi projekto enkondukis en la ĝisnuna organizacio gravajn principajn ŝanĝojn, el kiuj la ĉefa estas la dispartigo de la Komitato en du partojn. Unu, plej granda, havanta nur konsultan rolon, dua, - nomita : « supera Komisio» aŭ « Akademio » – sur kiu trairas la ĉefa tasko de la Komitato, t. e. esploro kaj decido de ĉiuj lingvaj demandoj : nur en okazoj, kiam la decidoj de tiu komisio estus malaprobitaj de pli ol unu triono da « Konsilantoj ». ĝi devas est esplorita denove.

Kontraŭe la nombro de Komitatanoj estas ĉiujare pligrandigata, jam ne atentante, la multpezecon, pri kiu oni komence plendis. (Gi enhavas nun ĉirkaŭ 200 membrojn).

De tiu ĉi tempo la Lingvkomitatanoj jam ne estas maltrankviligitaj per ia ajn demando pri lingvaj aferoj kaj servis nur por voĉdonadoj en elektoj, laŭ listoj, dissendataj de la supera komisio.

Per 15a cirkulero (12an de Junio 1908) estis proponitaj kiel kandidatoj al supera komisio 26 komitatanoj : Ahlberg, Boirac, Bein, Cart, Ĉejka, Ellis, Fruictier, Grabowski, Hanauer, Huet, Kuhnl, Meyer, Millidge, Moch, Mybs, Nylen, O'Connor Renard, Schaffer, Schneeberger, Schröder, de Saussure, Skeel-Giorling, Villanueva, Wackrill, Zakrzewski. La nombro de membroj de la Akademio laŭ regularo devus esti 18, sed laŭ kalkulo de la 69 alsenditaj voĉoj (1-an de Augusto 1908) nur 9 havis plejmulton, t. e. pli ol duonon de voĉdonintoj : Boirac, Bein, Cart, Grabowski, Moch, Mybs Nyllen, de Saussure, kaj Villanueva. Ili do estis nomitaj Akademianoj.

Laŭ la citita regularo la Supera Komisio elektas estraron ne nur por si mem, sed ankaŭ por la tuta komitato. Tial, la 9 elektitaj Akademianoj, dum la Dresdena Kongreso elektis inter si 7 membrojn de la estraro : D-ro Boirac-prezidanto, Bein kaj Mybs-vicprezidantoj, Grabowski, Cart, de Saussure kaj Moch, direktoroj de specialaj Sekcioj. Krom tio, ĉar inter la elektitoj estis nenia Anglo, nek Ruso, oni en Dresdeno elektis ankoraŭ tri membrojn : Evstifejev, Ellis kaj Wackrill. En jaro 1910 estis elektitaj : Inglada kaj P. de Lengyel (voĉ donis nur 68 Lingvokomitatanoj !)

En jaro 1911 estas proponitaj 11 kandidatoj por anstataŭigi 5 membrojn, kiuj, laŭ la regularo, devas eksigi post tri jaroj :

(*) En tiu ĉi voĉdonado, kontraŭe al kutimo, la voĉoj dividigis : membroj postuliş ŝanĝojn en la projekto, 7 rekte malaprobis (H. Maton bone antaŭvidis, ke la Akademio povas fariĝi vera « oligarĥio »), 5 sciigis, ke ili ne volas respondi, 11 simple ne respondis (escepta fakto en voĉdonadoj de la Komitato), 2 eĉ eksigis, 57 aprobis.

Cefeĉ, Christaller, Elb, Millidge, Ŝefer, Schmidt, Zakrzewski kaj 4 el la eksiĝantoj (Ellis rifuzis). La laboroj de la Akademio dum tiuj ĉu lastaj tri jaroj estis raportitaj al la kongresoj, kiuj aprobis ilin. La Lingvokomitatanoj, ne havis okazon esprimi siajn opiniojn.

La *Esperantista Centra Oficejo* estis fondita en Septembro 1905 danke al privata mona helpo de unu el plej meritaj niaj Samideanoj. Ĝia celo estis servi kiel oficejo al la du unuaj esperantistaj institucioj, kreitaj de la Bulonja Kongreso : la Lingva kaj Kongresa Komitatoj, kaj doni al ili rimedojn necesajn por normala funkciado. Sed, iom post iom, la Centra Oficejo, paralele al la disvolvo de la Esperanta afero, fariĝis labora Centro de la Esperantismo : ĝi kolektas kaj eldonas ĉiujn dokumentojn, ĝi prilaboras statistikon de Esperanto, ĝi estas arĥivejo, sekretariejo kaj, iafoje eĉ Centra Kaso de centraj Esperantistaj institucioj, de la Franca Ruĝa Kruco, de la Esp. Marista Ligo, de la Societo de Esp. Juristoj, de la Komerca kaj Industria Societo Esperantista, de la Federacio de la Pariza Regiono, de Esperantistaj Mondumaj Kunvenoj... kaj, laŭ lasta decido de la Washingtona Kongreso, ankaŭ de la estonta Konsilantaro. La Esperantista Dokumentaro estas nia ĉefa, plej grava eldonaĵo, kiun ni ŝuldas al laboremaj zorgoj de Gabriel Chavet, Sekretario Ĝenerala de la Oficejo ; tiu kolekto enhavas jam 34 volumojn, kiuj prezentas riĉan materialon por ĉiuj laboroj, koncernantaj nian aferon.

Al la Centra Oficejo ni ŝuldas ankaŭ la « Oficialan Gazeton Esperantistan, organon de la Lingva Komitato kaj de la Konstanta Komitato de la Kongresoj », kiu eliras de tri jaroj (unua Numero : 25 Junio 1908) kaj sen kiu ni nun jam de povus kompreni regulan, ordigitan agadon : ankoraŭ G. Chavet kon dukas tiun gravan laboron.

En sama centro intelektuala de Esperantismo estas nun komencita sistema laboro pri Esperanta Bibliografio. Laŭ iniciativo de Gen. Sebert, meritplena sur ĉiuj senescepte kampoj de nia movado, la Pariza Bibliografia Oficejo kune kun la Centra Oficejo eldonis verkojn pri uzo de Esperanto en la Universala Bibliografia Katalogo de la Brusela Bibliografia Instituto. Tiuj laboroj celas unuflanke enkondukon de Esperanto en la tutmondan bibliografian Repertorion, kaj aliflanke, sisteman, konforman al la decimala klasigo, ellaboron de Esperanta Bibliografio. La broŝuroj de Gen. Sebert, kiun helpis en tio Lingvkomitatanoj Gast Moch kaj Ad. Zakrzewski, estas preparaj laboroj por la nomitaj celoj.

La Ĝeneva Kongreso donis ankaŭ komencon al organizacio de sciencaj laboroj. En kunveno de scienculoj estis tiam decidita neceseco de *Internacia Scienca Asocio Esperantista* (propono de H. Terry). Ĝiaj proksimaj celoj estis tiel difinitaj : enkon-

duki Esperanton en sciencajn ĵurnalojn, kongresojn kaj ĉiujn rilatojn inter scienculoj : ellabori esperantajn sciencajn vortarojn ; fondi esperantan sciencan revuon. Speciala komisio estis do elektita por preparaj laboroj : Gen. Sebert, prezidanto, Carlo Bourlet, vicprezidanto. Unu jaron poste, le 15an de aŭgusto 1907, dum la Cambridge'a Kongreso, la Asocio estis oficiale fondita, kun Komitato : Prof. Ad. Schmidt, direkt. de Magneta Observejo en Potsdam, prezidanto ; J. J. Thompson, profesoro de Fiziko en la Universitato de Cambridge, kaj R. Benoit, direktoro de la Internacia Oficejo por peziloj kaj mezuriloj en Sèvres. vicprezidantoj ; R. de Saussure en Ĝenevo ; C. Bourlet, prof. de matematiko, V. Ŝmurlo, inĝeniero, sekretarioj ; D-ro Th. Renard, en Ĝenevo, kasisto ; Ed. Huntington, prof. en Harvarda Universitato, prof. R. Codorniu, ĉefinĝeniero de arbaroj en Murcia, prof. H. Pellat, prez. de la franca Societo de Fiziko, D-ro K. Bein el Varsovio, J. Meazzoni, prof. de geologio en Arezzo, Villareal, dekano de la scienca Facultato en Lima, komitatanoj,

Tuj poste estis organizita de R. de Saussure en Ĝenevo Internacia Scienca Oficejo, kiel sidejo kaj sekretariejo de la societo, kaj la « Internacia Scienca Revuo », eldonata de Paul Fruictier en Pariza de 1904, fariĝis oficiala organo de la societo, kun patronado de la Franca Societo Astronomia, de la Franca societo de Fiziko, de la Internacia Societo de Elektristoj, de Profesoroj Baudouin de Courtenay, Becquerel, Berthelot, Forster, Poincaré, gen. Sebert, k. a.

Multaj scienculoj aliĝis al la societo kaj partoprenis en laboroj por krei kaj fiksi specialajn terminarojn por ĉiuj sciencoj. Estas kreitaj specialaj komisioj por teĥnikaj vortaroj, por vortaroj Astronomiaj, Fizikaj, de Puraj sciencoj k. c. kaj krom tio speciala Kongresa Sekcio por propagandi akcepton de Esperanto kiel oficialan Kongresan Sciencan Lingvon.

En 1908 estis novaj elektoj de la Komitato por jaroj 1908, 1909 : Benoit, prezidanto, Thomson, Kazi Girej, Kroita, d-ro E. Fraga el Santiago, d ro Krikortz el Stokholmo, prof. Koppen el Hamburgo, Legge, komitatanoj (Dresdeno, 15 aŭg. 1908), por jaroj 1909-1910 estis elektitaj : prof. Ed. Huntington, prez. gen. Sebert, Koppen (Hamburgo), Villareal (Lima), vicprez., de Saussure, sekretario, Cotton, (Parizo), Inglada (Valencia), komitanoj (7 sept. 1909, Barcelono).

Jam en la Bulonja kongreso A.Carles el Béziers kaj la Wiena Esp. klubo prezentis proponon pri elekto de esperantistaj reprezentantoj aŭ konsuloj en grandaj urboj. Tiu propono, resendita kun aliaj al la Komitato elektita por prepari Duan Kongreson, estis longe diskutita en Ĝenevo. Multaj timis ĉian organizadon de la Esperantistaro, al aliaj ne plaĉis la nomo : konsulo ; fine la Kongreso decidis simple rekomendi al naciaj

societoj fondon de esperantaj informejoj. La afero progresis rapide : jam en la fino de jaro 1906 ekzistis 120 esp. Konsulejoj kaj Oficejoj, en 1907-22, en 1908-303. Tiamaniere estis preparita bazo reala, sur kiu povis jam facile apogi sin organizacio, unuiganta ĉiujn tiujn ĉi ejojn. La 28 de Aprilo 1908 estis fondita « Universala Esperanta Asocio » por : « faciligi ĉiuspecajn moralajn kaj materiajn rilatojn inter homoj, sen distingo de nacieco, raso au lingvo ». La Asocio konsistas el membroj honoraj, membroj agaj, esperantaj entreprenoj, membroj aprobantaj kaj societoj au entreprenoj neesperantaj sed aliĝintaj « Esperantiaj ». La societo estas dividita en teritoriaj regionoj kaj distriktoj : en Aŭstrio, ekzemple, estas 5 Distriktoj : Adriatiko, Aŭstrio, Bohemujo, Galicio, Hungarujo kun 85 regionoj, en Rusujo 8 Distriktoj kaj 71 regionoj. Malgrandaj landoj prezentas nur 1 Distrikton kun 2 (Serbio) ĝis 32 (Svisujo) regionoj En ĉiu regiono la membroj de U.E.A. elektas Delegiton por tri jaroj kaj, laŭ bezono ankaŭ subdelegitojn au helpantojn kaj konsulojn en diversaj lokoj de la regiono. Regionaj delegitoj elektas Delegitojn Distriktajn kaj tiuj lastaj elektas Komitaton de la Asocio, konsistantan el 10 membroj kaj 3 anstataŭantoj. La unua komitato (elektita 15 an de Decembro 1908) estis : H. Bolingbroke Mudie, prezidanto, H. Hodler, vicprezidanto, A. Carles, T. Rousseau, P. Blaise, J. Schmid, M. Kandt, F. Rockmann, membroj. La Asocio havas sian sidejon en Ĝenevo, kaj sian organon En jaro 1910 ĝi organizis sian propran Kongreson en Aŭgsburg (28 Julio-3 Augusto), kaj la dua estas anoncita por tiu ĉi jaro en Antwerpen. En fino de jaro 1910 (15 Novemb., U.E.A. kalkulis 765 Delegitojn, 177 Vicdelegitojn, 199 Subdelegitojn, 612 Konsulojn, 177 Esp. Oficejojn, en 872 lokoj kaj 44 landoj. La nombro de membroj dispartigas tiel : ĉirk. 7500 Esperantianoj, 187 entreprenoj (1), 26 societoj. En 1910 la Asocio aranĝis konkursojn kun premioj por la plej bona Gvidfolio : Estis premiita la Bohema Unio Esperantista por ilustrita gvidlibro de Praha/, par la plej bona komerca raporto (du premioj ex aequo : Baff el Worcester kaj Vogler el Hamburg), por la plej bona ideo por disvastigi la asocion (I-a premio S. Sosnowski el Kiev), por la plej bone aranĝita esper. Oficejo (Sino Farges en Lyon, Esp. Oficejo en le Creusot). Jen kelkaj ciferoj montrantaj la servojn plenumitaj de la delegitoj de

(1) Notindaj estas inter ili :la « Association Suisse de la presse », « Ĉiustudenta Asocio de Bohemujo », « La paix par le Droit », « Tutmonda Katolika Unuiĝo », Nederlanda Katolika Esperanta Ligo ».... Inter la komercaj entreprenoj : Berlina Tutmonda Anoncekspedo, la famaj firmoj Th. Cook a. Son, Hachette et Co en Parizo, Kaŭkaza Kompanio de Apotekaj Komercaĵoj, Hotelo Métropole en Brussel, Gd hôtel du Globe en Parizo, Gothard en Bern, la Régence en Lyon k.c,

U. E. A, kompare en 1909 kaj 1910 : servoj kaj informoj komercaj,al junuloj kaj studantoj, al vojaĝantoj en 1909—3556, en 1910-7123 ; korespondaĵoj en 1909—3754, en 1910—13342. Elokventaj ciferoj, bone atestantaj la utilan agadon !

Diversaj specialistoj profitis de la Kongresoj kaj aranĝis specialajn siajn kunvenojn, por priparoladi siajn fakajn aferojn. Jam en Ĝenevo kunvenis : Ruĝ Kruculoj, ĵurnalistoj, instruistoj, maristoj, framasonoj, matematikistoj, advokatoj, medicinistoj farmaciistoj, dentistoj, stenografiistoj, oficiroj, komercistoj, scienculoj, pastroj diversreligiaj, katolikoj, muzikistoj, ŝakludistoj, socialistoj, pacifistoj... en Cambridge (1907) krom tiuj : tradukistoj de la sankta Biblio, presistoj, civilaj administraciaj oficistoj, defendantoj de vocdonrajtoj de virinoj ; en Dresdeno (1908) ; kolektistoj, tradukistoj, vegetarianoj, ruĝuloj, Slavaj Esperantistoj, en Barcelona (1909 : fervojistoj, junuloj, en Washington (1910) : inĝenieroj, juristoj, liberpensuloj, pacifistoj, poŝtoficistoj.

Tiuj kunvenoj ne ĉiam finiĝis per amika babilado : multaj esperantistaj fakaj societoj estis danke al ili fonditaj ; ni jam parolis pri la Scienca Asocio, notu ankoraŭ : Tutmondan Esp. Kuracistan Societon, Ligon de Esp. Instruistoj, Internaciajn Esperantajn societojn de : Bankistoj, Farmaciistoj ; Tutmondan Amikaron de Publikoficistoj, Poŝtoficistoj, Esperantan Instituton en Dresdeno, Maristan Ligon.

Notinda estas la Slava Esperantista Kunveno en Dresdeno laŭ iniciativo de Prochaska el Praha (1908) dum kiu, laŭ propono de Evstifejev, estis pridiskutita demando de Interslava lingvo. La multenombra kunveno, en kiu partoprenis Ĉeĥoj, Poloj, Rusoj, Malgrandrusoj, Bulgaroj, konkludis, ke Interslava lingvo estas necesa, ke nenia el ekzistantaj slavaj lingvoj tiun rolon ludi povas, ke provoj de kreo de lingvo arta el slavaj lingvelementoj ne atingos celon, sekve, ke nur Esperanto povas efike servi al tiu de ĉiuj Slavoj sentita bezono.

Al tiuj fakaj kaj specialaj kunvenoj ni ŝuldas ankaŭ tiel gravajn akirojn, kiel specialajn vortarojn : Anatomia, verkita de Medicina Esperantista grupo, Matematika Terminaro de R. Bricard, provo de Marista Terminaro de Rollet de l'Isle, muzika terminaro de F. de Ménil, filatelia de R. Lemaire...

### 3. Esperanto en neesperantaj organizacioj.

Aparta paĝo en nia Historio devas esti aljuĝita al la belaj rezultatoj, kiujn donis la propagando de Esperanto sur du kampoj de plej grava bonfara agado : inter blinduloj kaj en la internacia institucio de Ruĝa Kruco. Por la blinduloj lingvo internacia estas elpensaĵo de gravega, feliĉa valoro. La kaŭzo estas simpla : la eldonado de libroj, presitaj laŭ sistemo Braille per reliefaj literoj estas multekosta. Malgranda do estis la Blindula literaturo ĝis apero de Esperanto : sed de kiam libro,

difinita por tiuj ĉi malfeliĉuloj, povas esti aĉetita de la tuta mondo de ĉiuj institutoj, organizitaj por ili, la prezoj grande malgrandiĝis. Tion komprenis bone la interesitoj : kiam, dum la Cambridge'a Kongreso, en kiu ĉeestis 17 blinduloj, unu el ili, Ketterer, diris, ke Esperanto estas por ili stelo en malluma ĉielo, kaj ke ĝi plilarĝigis iilan spiritan horizonton, li esprimis verajn sentojn de ĉiuj siaj kolegoj.

La ĉefajn meritojn sur tiu ĉi kampo oni devas aljuĝi al Th. Cart, F-ino Zabilon d'Her kaj al la helpo de multaj Esperantistoj. Dum la Kongreso iu demandis : « Kial la blinduloj estas pli interesaj ol aliaj kripluloj ? » — Cart tiam lerte demandis la parolanton : « se vi povus elekti inter perdo de la vido aŭ de unu mano, kion vi elektus ? » La kongresanoj ne ŝparis oferojn. Per speciala ĵurnalo « Esperanta Ligilo » estas kondukita energia propagando, kiu jam alportis gravajn rezultatojn. Esperanto estas instruita en multajn blindulaj institutioj kaj trovis ĉie en ili favoran akcepton. Unu el Direktoroj (el instituto en Woluwe en Belgujo) frato Izidoro, raportante pri tiu agado al Papo Pio X, ekaŭdis respondon, ke « Esperanto vere havas grandan estontön. »

La dua kampo, pri kiu ni aludis, estas la enkonduko de Esperanto en la Ruĝan Krucon. Dank' al gen. Sebert, gen. Priou, kapitano Bayol, instruktoro en St. Cyr, Esperanto progresas inter la membroj de tiu ĉi societo, por kiu ilo de senpera interkomprenigo estas ankaŭ afero de plej granda bezono. Gvidlibroj esp. ruĝkrucaj de Kapitano Bayol ekzistas jam en lingvoj franca, germana, itala, hispana, rusa por prezo de 10 cent. Dum la Dresdena Kongreso D-ro Thalwitzer montris manovrojn de sekcio de flegistoj de la Saksa Ruĝa Kruco, kiun donis al lia dispono gen. Schmidt. Tridek homoj konantaj nur germanan lingvon, post kelkaj semajnoj de instruado plenumis ĉiujn ordonojn, faritajn en Esperanto dum kelkaj horoj sen ia ajn eraro. Gen. Ruhleman, gen. Sebert, Majoro Straub, Usonano, D-ro Kroita, Japano, kaj aliaj militistoj, ĉeestis al tiuj ekzercoj kaj foriris plene konvinkitaj pri plena taŭgeco de Esperanto por tiu grava internacia celo.

En aliaj neesperantaj aferoj la valoro de nia lingvo estas de tago al tago pli kaj pli komprenata. Multaj societoj akceptis Esperanton, kiel lingvon oficialan en siaj kunvenoj : kiel unuan ni devas citi la « Ligue Française de l'enseignement» (Kongreso de Lyon, sept. 1902); poste: la « Ligue française de l'automobilisme » (Parizo, junio 1903) ; 3a la Kongreso Internacia de Libera Penso (Parizo, Sept. 1905) ; Kongreso de Instruistoj en Liége (1905) ; Kongreso de Socialistoj (Châlons s. Saone, 1905) ; Internacia Kongreso de Oficistoj (Londono, apr. 1906) ; Kongreso de la « Union des Sociétés d'activité Chrétienne » (Ĝenevo, aug. 1906), « Kongreso de Paco » (Lyon-

aŭg. 1906) ; « Fédération dentaire Universelle » (Ĝenevo, aŭg. 1906), «Kongreso Internacia de Artistoj Muzikaj» (Milano, 1906); Kongreso de Studantoj (Bordeaux, 1907) ; XVI-a Int. Kongreso de Paco) Munchen, Sept. 1907) ; XII-a Kongreso « Du repos du dimanche » (München, 1907), Kongreso Antialkoholisma (Stokholm, 1907), Kongreso de Keramistoj (Firenze, 1909) ; Kong. Intern. de Kuracistoj) Budapest, (1909). Kongr. Intern. de Psiĥologio (Genevo, 1909).

Pure Esperantista estis la Internacia Kongreso de Katolikoj en Parizo, (30an de marto - 3an aprilo 1910.) dum kiu reprezentantoj de multaj diversaj landoj parolis ekskluzive Esperanto ; la sekvanta estas anoncita por 1911 en Hago (14-19 Aŭg.).

Praktike tamen la ĉefa plej grava tasko de nia esperanta propagando estas la oficialigo de Esperanto : tasko malfacila, ĉar la antaŭjuĝoj en tiu direkto estas certe ankoraŭ pli grandaj, ol en aliaj. Neniu granda Registaro volas preni sur sin respondecon por ia pozitiva paŝo : la afero certe komencos per interregistaraj priparoladoj, por kiuj ni devus prepari fondon Tamen, kiel ni jam vidis, iom post iom eĉ tiu ĉi malfacila afero komenciĝas : en la Dresdena Kongreso ĉeestis du oficialaj delegitoj, en la Barcelona...., en Washington jam dekses oficialaj reprezentantoj de regnoj aŭ ŝtatoj, — certe precipe malgrandaj, neinfluaj, sed la komenco estas farita.

En Usono la stato Maryland enkondukis Esperanton en siajn lernejojn, en Universitatoj de Wisconsin, de Massachussets, en Clark University aukaŭ Esperanto estas oficiale instruata. Ekzistas kursoj en la Barcelona Universitato ; la angla « *Board of education* » oficiale aŭtorizis instruadon de Esperanto de la urbo Keighley, kaj la « London County Council » malfermis kursojn en 12 lernejoj ; samon faris la registaro de la insulo Samos, Aŭtorizo de esperanto en telegramoj de la angla *Postmaster general* ; — aljuĝitaj al Esperanto lokoj en ekspozicioj de München, de Brussel (1910) (1), — enkonduko de Esperanto en oficialajn eldonojn de la Statistika direktejo de Brazilio, flanke de lingvoj franca kaj portugala, (« Memoriga Bolteno de la Ekspozicio » 1909). — duonoficialigita Dresdena Polica Societo, kies sidejo estas en la ĉefpolicoficejo,... jen kelkaj akiroj, kiuj ne estas sensignifaj

---

(1) Dum tiu Ekspozicio estis aranĝita speciala Esp. Semajno (22-26 Julio 1910), kun kunvenoj kaj paroladoj de sen. Lafontaine, Richardson, Skeel Giorling.

La unua Tutmonda Scienca Kongreso en Santiago, Ĉilio, laŭ propono de Aug. Biaut (44an Jan. 1909) decidis peti la Usonan Registaron preni sub sian zorgon alvokon de Kongreso de oficialaj reprezentantoj de ĉiuj civilizitaj landoj por solvi demandon pri oficiala akcepto de neŭtrala idiomo internacia.

Ne mankas ankaŭ al Esperanto altaj protektoroj : jam Edward VII salutis favore la Cambridgan Kongreson, la reĝo de Saksujo akceptis esti Honora Protektanto de la Dresdena Kongreso, same Alfonso XIII kaj la Hispana Reĝino por la Kongreso Barcelona : ni ne povas ne nomi tie ĉi Elizabeton, Reĝinon de Rumanujo — eminenentan poetinon Carmen Sylva — kiu estas jam vera Esperantistino (1)

Eble pli gravaj estos simpatioj, esprimitaj de la ministroj de publika instruado de Francujo, Germanujo, Saksujo — dum vizitoj, kiujn faris al ili niaj delegitoj. Ni citas ankoraŭ projekton de enkonduko de Esperanto en programo de Franca publika instruado, kiuj enhavas instruadon de lingvoj vivaj: en ekzamenoj Esperanto estus enmetota flanke de lingvoj angla, germana, itala, hispana kaj araba. Tiu ĉi projekto estis prezentita al la Franca Ĉambro de Deputatoj de Lucien Cornet kaj subskribita de 68 aliaj Deputatoj. Ĝi estis resendita al la Komisio de Belartoj (Kunsido 1907. 28 Febr.) (2)

Pli facile progresas tiu ĉi afero en pli malgrandaj reprezentantaroj : unue la urba konsilantaro de Lille aŭtorizis esperanton en siaj lernejoj. Poste venis Amiens, Angoulème, Beaune, Grenoble, Narbonne, Saumur, Thiers, Toulouse.

La urbestraro de Le Creusot oferis 500 fr. por la Burgonja Kongreso Esperantista (1909).

Ni do ripetas : la komenco estas farita — kaj, bona antaŭsigno — faris ĝin Francujo, lando antaŭiranta en ĉiu progreso ! Feliĉa, kiel ĉiam, estu ĝia mano !

Mi ne povas ne priparoli, kvankam plej mallonge, aferon, iom flankan, tamen rilatantan senpere al nia lingvo.

Antaŭ ĉio malgranda historia klarigo.

En jaro 1900 dum la Pariza Ekpozicio estis organizita internaciaj kongresoj : sciencaj, artaj, politikaj. komercaj k. a. Okazis tio, kio devis alveni : diverslandaj delegitoj, ne komprenante unu alian, dum longaj horoj estis kvazaŭ surdmutuloj. Kongresoj internaciaj fariĝis neeviteble naciaj : Francoj parolis por Francoj, Angloj por Angloj .. aliaj dum tio dormetis aŭ promenis. La kampo estis do bona por priparoli demandon pri Lingvo Internacia, ĉar ĝia neceseco estis sentita de ĉiuj. Tion lerte kaj bone eluzis kelkaj malnovaj amikoj de tiu ĉi ideo : ili proponis en la kongresej mem priparoli vojon por trovi finan realan solvon de tiu ĉi problemo. Tion faris en Kongreso Internacia de Filozofio prof. Leau kaj Couturat, en Kongreso de

(1) Ŝi donacis al la Rumana Esp. Societo ekskluzivan rajton de tradukado de siaj verko .

(2) Gautherot en sia interesa verko pri Lingvo Internacia diras, ke kandidato dum la elektoj por la Franca Ĉambro de Deputatoj enkludas jam : « instruon de Esperanto » en siajn kandidatajn afiŝojn.

Franca Societo por progreso de Sciencoj prof. Gugnin kaj Laisant, en Kongreso Internacia de Historio de Sciencoj d-ro Lalande.

La kongresoj elektis delegitojn, kiuj post kelkaj preparaj kunsidoj, fondis la 17an de Januaro 1901 « Delegacion por elekto de Lingvo Helpa Internacia » kaj ellaboris por ĝia agado bonegan programon, antaŭvidantan ĉian eblan okazintaĵon. Jam de la unua momento oni povis kredi, ke la afero estas tiel starigita, ke ĝi ne povas ne alkonduki al la dezirata rezultato.

Laŭ sia programo la Delegacio devis antaŭ ĉio turni sin al ĉiuj sciencaj, industriaj, komercaj k. a. societoj, invitante ilin partopreni en tiu laboro per speciale elektitaj delegitoj, kiuj fariĝus membroj de la Delegacio. Tio donis al tiu ĉi lasta tutmondan, universan karakteron. Dum jaroj 1901-1902 respondis al invito 340 societoj en dekoj da landoj. Krom tio la Delegacio petis ĉiujn universitatanoj aprobi morale ĝian agadon : 1250 profesoroj, akademianoj, scienculoj donis siajn subskribojn.

Post tiu ĉi prepara laboro, ankaŭ laŭ sia programo la Delegacio, jam apogita sur tiel aŭtoritata aprobo, turnis sin en 1906 al la Internacia Asociacio de Akademioj kun peto kaj propono preni sur sin definitivan solvon de la demando pri Lingvo Internacia. Sed la Akademio, en sia kunsido en Wieno 29an de Majo 1907 decidis, ke tiu demando trapasas limojn de ĝia kompetenteco ! Vole nevole restis do la lasta vojo ankaŭ antaŭvidata de la programo, t.e. elekto de Komitato por tiu ĉi celo per la Delegacio mem. Estis do proponitaj Kandidatoj kaj la elekto, en kiu partoprenis 253 delegitoj, estis farita en Junio 1907. La elektitoj, aŭ iliaj anstataŭantoj, kunvenis en Parizo kaj post 18 kunsidoj de 15-a gis 24-a de Oktobro, ekzaminte detale ĉiujn prezentitajn projektojn, alprenis decidon, kies teksto estas : « La komitato decidis, ke neniu el la lingvoj ekzamenitaj povas esti alprenata « bloke » kaj sen modifoj. Ĝi decidis alpreni principe Esperanton, pro ĝia relativa perfekteco kaj pro multaj kaj diversaj aplikoj, kiujn gi jam ricevis, sub kondiĉo de iaj modifoj efektivigotaj de la konstanta Komisio en *direkto difinita per la konkludoj de la raporto de la Sekretarioj kaj per la projekto IDO*, penante interkonsenti kun la Esperantista Lingva Komitato. »

Por tiu ĉi fina laboro estis do elektita Speciala Konstanta Komisio, konsistanta el 6 membroj : profesoroj W. Ostwald Leipzig, Baudouin de Courtenay (Krakovo),(*) Jespersen (Kjoben-

(*) Ni devas rimarki ke Prof. Baudouin de Courtenay tuj eksiĝis el la Komisio : teorie li esprimis opinion, ke rompi unuecon de Esperanto estas riska paŝo, kiu povas doni malbonajn konsekvencojn : li do preferas eviti tian respondecon. Praktike IDO ŝajnis al li malpli valora, ol Esperanto ; ĝi prezentas regreson ne progreson : al li, kiel Polo, kutimigita al fonetika ortografio, ne povis certe plaĉi jam la unua paĝo de Ida gramatiko, kun alfabeto havanta po tri signoj por unu sono (k. q, x.), nek forigo de substantiva finiĝo en multenombro, nek » ar !! « ez" en verboj k. c. (Pola Esperantisto, 1908 N. 6-7.)

havn), Leau kaj Couturat (Parizo), kaj L. de Baufront invitita pro lia speciala kompetenteco. Ĉiaj esperoj de la Esperantistoj estis fonditaj sur plena konfido al tiu ĉi lasta, tiel fervora, eĉ fanatika ortodoksisto !

Tamen tuj, aŭ tre baldaŭ poste, estis publikigita, kiel definitiva rezultato de sepjaraj laboroj « Kompleta Gramatiko di la linguo Internaciona IDO ». Tio estis lingvo nova, alia. Kelkaj asertas ke la Delegacia Komitato neniel estis pravigita krei novan lingvon, kvankam mi ne vidas bone kiel ? Cetere, eĉ se ĝi faris ian forme neregulan, tio estas por Esperanto indiferenta. Multe pli mirinde estas, ke la Komisio povis supozi, ke la Esperantistoj konsentos, laŭ ĝia simpla invito akcepti ŝanĝojn, faritajn de la ekstera, de ili ne aŭtorizita institucio, ke ili ŝanĝos de tago al tago ilian lingvon per ilia... Provoj de interkonsento, pli aŭ malpli sinceraj, sed tro rapidaj eĉ suspekte rapidigitaj estis tamen faritaj. Al mi ne apartenas serĉi tie ĉi, kiu estis kulpa en tiu afero. Neniun juĝante, mi nur povas noti, ke tiuj ĉi provoj — interkonsenton ne donis. (*). La Esperantistaro suferis kelkajn, certe tre bedaŭrindajn perdojn — sed la granda plejmulto, la amaso restis fidela al sia standardo.

« Ni fosu nian sulkon », diris T. Cart. La plejmulto baldaŭ trankviliĝis kaj sekvis tiun saĝan konsilon.

### 4. Literaturo, gazetaro, iom da statistiko kaj da geografio.

Pri Esperanta literaturo en tiu ĉi epoko ni jam ne povas paroli tiel detale, kiel ni faris por la unuaj momentoj de nia historio. Nun, priskribo de la Esperanta literaturo, de la bibliografio, de verkoj kaj aŭtoroj postulas — kiel en aliaj lingvoj — apartajn, specialajn studojn. Ni nur notu, ke jam en la fino de jaro 1909 oni kalkulis 1327 esperantajn verkojn, el kiuj 510 lernolibrojn, 48 originalajn literaturajn verkojn, 169 tradukitajn... Nun tiu ĉi nombre devas esti pligrandigita almenaŭ ĝis 1500, (laŭ Oficiala Gazeto estis notitaj en jaroj 1910-118 verkoj. En jaro 1911 (Januaro-Junio) 65.. La nombro de gazetoj kreskis de la jaro 1900—2, 1901 4, 1902—7, 1903—21, 1904—27, 1905—36, 1906—48, 1907—64, 1908—102, 1909 - 106, 1910—118. Pri la nombro de niaj societoj ni devas kontentiĝi per plej ĝeneralaj sciigoj, kiujn ni prezentas en tabelo pruntita al verko de unu samideano, alligita en fino (**).

(°) Dum voĉdonado de tiu ĉi demando en la Lingva Komitato 34 anoj estis kontraŭaj al ĉiuj traktadoj kun la Komisio. 11 esprimis deziron provi interkonsenton, 8 eĉ volis esprimi dankon al la Komisio, 8 ne esprimis klaran opinion. Ni do vidas, ke multaj (27) komprenis gravecon de la konflikto, ŝanceligis aŭ eĉ volis trovi vojon al paco. La meritoj de la inciatoroj de la Delegacio, — de la aŭtoroj de tia ĉefverko, kia estas « L'histoire de la Langue Internationale » ne povis ne esti ŝatataj de multaj Esperantistoj.

(°°) Esperanto en unua dudekjaro. Pola Esperantisto. 1909.

Interesa estus ankaŭ demando pri la nombro ĝenerala de Esperantistoj, sed respondi, eĉ kun plej granda proksimumeco, estas neeble. La lasta Adresaro enhavis 21915 enskribitajn nomojn (ĝis 31 decembro 1908), sed estas evidente nur tre malgranda parto de la Esperantistaro. Ni notas nur, ke la malkara lernolibro « Premier Manuel » estis vendita je 250 miloj da ekzempleroj preskaŭ ekskluzive en Francujo. Se ni prenos flankan vojon kaj apogos nin sur la nombro da societoj, kalkulante meze po 50 membroj en ĉiu, aŭ sur la nombro de gazetoj, aljuĝante al ili 500 abonantoj, ni ricevos ciferojn de 60 ĝis 75 miloj. Sed estas ankaŭ evidente ke ne ĉiuj Esperantistoj apartenas al societoj kaj ne ĉiuj povas permesi al si aboni gazeton. Kiel C. Bourlet, spertega Esperantisto, kalkulis 400 milojn da samideanoj, kion citas G. Gautherot, mi ne scias. Eble sistema kalkulo, organizita de ĉiuj Esperantaj naciaj societoj en difinita tago aŭ monato, laŭ principoj de kalkuloj de la loĝantaro en landoj, povus alproksimigi nin iom al vera cifero : nun ni naĝas en plena malcerteco...

Por ne fermi tiun ĉi historian skizon per malfermita demando, mi donas almenaŭ respondon al analogia demando pri la limoj de nia Esperantujo. Jen estas ĥronologia ordo de aliĝoj al Esperanto de diversaj landoj, se ni prenos kiel signon la fondon de unua organizita societo, grupo aŭ eĉ grupeto, kvankam tiu grupo laŭ vortoj de la Majstro povis longe estis « dorminta semo, ĝis ĝi komencis elŝovi trunketojn ». Jen tiu ĉi ordo :

1888 : Bavarujo.
1889 : Bulgarujo, Rusujo.
1891 : Svedujo.
1893 : Polujo.
1894 : Francujo, Finnlandio.
1897 : Danujo.
1898 : Belgujo.
1901 : Aŭstrio, Kanadio, Hispanujo, Holandio.
1902 : Bohemujo, Britujo, Italujo, Hongarujo.
1903 : Algerio, Ĉilio, Maltio, Meksikujo, Monakio, Peruvio, Svisujo, Japanujo.
1904 : Tunizio.
1905 : Gvineo, Hinda Ĥinujo, Aŭstralio, Tonkinio, Usonio, Urugvajo, Nova Zelandio.
1906 : Bolivio, Brazilio, Hidujo, Madagaskario.
1907 : Filipinaj Insuloj, Gibraltaro, Kanariaj Insuloj, Kubo, Norvegio, Rumanujo, Transvaalio, Turka Azio.
1908 : Cejlono, Ĥinujo, Kroatujo, Madeiro, Natallando.
1909 : Argentinio, Kaplando, Mauricio, Portugalujo, Taskento.
1910 : Bosnio, Venezuelio.
1911 : Serbio.

Nun do en *Esperantujo* la suno neniam subiros !

# ESPERANTISTAJ SOCIETOJ

| LANDOJ | 1902 | 1903 | 1904 | 1905 | 1906 | 1907 | 1908 | 1909 | 1910 |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| Alĝerujo | — | 1 | 1 | 1 | 3 | 4 | 5 | 5 | 5 |
| Argentinujo | — | — | — | — | — | — | — | 1 | 1 |
| Aŭstrujo (Germ.) | 1 | 1 | 4 | 6 | 21 | 23 | 29 | 33 | 38 |
| Belgujo | 1 | 8 | 7 | 9 | 14 | 32 | 38 | 51 | 55 |
| Bohemujo | 1 | 1 | 6 | 8 | 8 | 16 | 26 | 45 | 60 |
| Bolivujo | — | — | — | — | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Bosnio | — | — | — | — | — | — | — | — | 1 |
| Brazilujo | — | — | — | — | 1 | 12 | 19 | 21 | 25 |
| Britujo | 1 | 16 | 36 | 55 | 90 | 121 | 173 | 175 | 181 |
| Bulgarujo | 6 | 11 | 12 | 12 | 15 | 16 | 25 | 27 | 34 |
| Cejlono | — | — | — | — | — | — | 1 | 1 | 1 |
| Ĉilujo | — | 1 | 1 | 1 | 2 | 2 | 38 | 39 | 39 |
| Danujo | 1 | 1 | 1 | 1 | 2 | 4 | 10 | 19 | 19 |
| Francujo | 18 | 36 | 56 | 101 | 123 | 165 | 223 | 249 | 276 |
| Filipinaj insuloj | — | — | — | — | 8 | 4 | 10 | 11 | 11 |
| Finnlando | — | — | 1 | 1 | — | 10 | 13 | 15 | 16 |
| Germanujo | — | 2 | 22 | 32 | 39 | 58 | 130 | 222 | 259 |
| Gibraltaro | — | — | — | — | — | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Gvineo Franca | — | — | — | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Hindujo | — | — | — | — | 1 | 7 | 7 | 7 | 7 |
| Hinda Ĥinujo | — | — | — | 1 | 1 | 2 | 3 | 3 | 3 |
| Hispanujo | 1 | 2 | 3 | 11 | 28 | 65 | 88 | 115 | 125 |
| Holando | 1 | 2 | 6 | 7 | 9 | 8 | 19 | 31 | 45 |
| Hungarujo | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 4 | 5 | 6 | 7 |
| Ĥinujo | — | — | — | — | — | — | 1 | 2 | 2 |
| Italujo | — | 2 | 3 | 5 | 7 | 8 | 15 | 15 | 19 |
| Japanujo | — | 5 | 5 | 5 | 1 | 4 | 5 | 6 | 9 |
| Kanado | 1 | 2 | 2 | 3 | 4 | 4 | 10 | 13 | 13 |
| Kanariaj insuloj | — | — | — | — | — | 1 | 2 | 2 | 2 |
| Kaplando | — | — | — | — | — | — | — | 1 | 2 |
| Kroatujo | — | — | — | — | — | — | 1 | 1 | 2 |
| Kubo | — | — | — | — | — | 1 | 1 | 3 | 3 |
| Madagaskaro | — | — | — | — | 1 | 1 | 2 | 2 | 2 |
| Madeiro | — | — | — | — | — | — | 1 | 1 | 1 |
| Malto | — | 1 | 1 | 2 | 6 | 6 | 6 | 6 | 6 |
| Maŭricio S. | — | — | — | — | — | — | — | 1 | 1 |
| Meksiklando | — | 1 | 1 | — | 1 | 4 | 6 | 11 | 11 |
| Monako | — | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 4 | 4 |
| Natallando | — | — | — | — | — | — | 1 | 1 | 1 |
| Norvegujo | — | — | — | — | — | 4 | 4 | 4 | 4 |
| Oceanio (Australio) | — | — | — | 1 | 1 | 2 | 5 | 6 | 6 |
| Perulando | — | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Polujo | — | — | 1 | 1 | 3 | 6 | 13 | 22 | 23 |
| Portugalujo | — | — | — | — | — | — | — | 3 | 3 |
| Rumanujo | — | — | — | — | — | 1 | 10 | 14 | 15 |
| Rusujo | 4 | 6 | 6 | 8 | 14 | 21 | 29 | 41 | 46 |
| Singapore | — | — | — | — | — | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Svedujo | 1 | 3 | 1 | 8 | 18 | 20 | 39 | 39 | 39 |
| Svisujo | — | 2 | 6 | 9 | 30 | 44 | 50 | 56 | 62 |
| Taŝkento | — | — | — | — | — | — | — | 1 | 1 |
| Tonkinlando | — | — | — | 1 | 1 | — | — | — | — |
| Transvaalo | — | — | — | — | — | 1 | 1 | 1 | 1 |
| Tunislando | — | — | 1 | 1 | 1 | 1 | 2 | 2 | 2 |
| Turka Azio | — | — | — | — | — | 3 | 5 | 7 | 7 |
| Usono | — | — | — | 8 | 18 | 56 | 161 | 175 | 187 |
| Urugvajo | — | — | — | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 | 2 |
| Venezuelo | — | — | — | — | — | — | — | — | 2 |
| Zelando (Nova) | — | — | — | 2 | 4 | 4 | 4 | 4 | 4 |
| | 38 | 107 | 188 | 306 | 482 | 753 | 1244 | 1527 | 1698 |